2.a JARO N.o 15 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 1 JUNIO 1937

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO K ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## Voko en Tribuno Universala

Kvankam la karno de la hispanoj rajtas dubi pri la efiko de tiuj solenaj kunvenoj okazantaj, de tempo al tempo, apud la akva spegulo de la ĉarma lago Leman, tie refoje ĵus sonis plede la voĉo de Hispanio.

La diskurso de Alvarez del Vayo estas jura dokumento de morala tono k advokata tekniko. La delegitaroj, en lasta kunveno de la Ligo de Nacioj, havis ŝancon konstati, ke Hispanio scias konservi dignan sintenon, por sia internacia respondeco, eĉ dum momento plej grava de sia historio. Antikva proverbo diras, ke la ĝentilo ne estas baro por la kuraĝo.

Nia popolo scias, ke la venkon oni povas gajni nur en la batalfrontoj k per la severa prezo de multa sufero, per malŝparo de multa kuraĝo; tamen, per riĉa kolekto de trafaj argumentoj, apud la hezitema konduto de la eŭropa demokratio, Hispanio montras siajn aktivajn klopodojn en defendo de ĉies etikaj valoroj. Pro tio, neniu dubas jam konscie pri la hela karaktero de nia akuta problemo, kiu tute ne estas civila nek interfrata kverelo sed lavanga invado k trudo de la nigraj interesoj de sennacia despotismo kontraŭ la evolua irado al progreso k feliĉo de modestaj sociaj tavoloj. Sekve, neniu ankaŭ dubas honeste pri bona situo de la pravo en nia flanko.

Ni scias, ke tiuj, kiuj ĵetis fripone alumetojn en la pulvejon, evitos cinike k ruze la flugojn de la vero; ili ne ŝanĝos sian taktikon pro la fakto ke decaj personoj, kiel Alvarez del Vayo, antaŭ la ĉastaj nazoj diplomataj, nudigis la veron je ĉiuj ĉifonaj vualoj, unu post alia. Ni sciâs, ke en la kancelaria fronto, ĉio, kion ni povas atingi, estas iometa karmino el honto por klasika spleno. Ni scias, ke la malamika roko, de alta burĝaro k riĉaj bankieroj, ne moliĝos pastece per emfazaj frazoj nek per fanfaronaj gestoj. Tiu bloko eluziĝos, k perdos apogon kun sia bazo, laŭ takto de iu premanta interveno de la popolaj amasoj, el ĉiuj nacioj kun eblo por tio, al siaj propraj ŝtataj regantoj k al siaj propraj partiaj k sindikataj gvidantoj.

La «oficiala» rezulto estis literatura deziresprimo kie la ĉefa punkto mencias balbutojn pri foriro de volontuloj en ambaŭ flankoj. Plurfoje estas dirite, ke volontuloj ekzistas nur en niaj Internaciaj Brigadoj, en la «nacia» faŝista armeo ekzistas kompletaj divizioj el italaj k germanaj soldatoj, kiuj por foriri bezonas ne sian propran volon sed la koncernan ordonon de superaj mastroj. Ĉu tiun ĉi détalon oni rimarkis? Kompreneble, la facila enhavo de la diskurso de Alvarez del Vayo celas direkton al civitana publiko, kies favora opinio estas, por niaj vundoj, ŝmiro de balzamo.

Malgraŭ manko de tuja pozitiva avantaĝo, Ĝenevo estis tribuno por nia pledo antaŭ universala tribunalo. La hispana situacio eniras jam en decida etapo. La kaŝaj intervenistoj ne povas konservi la ŝajnojn de sia blufo; ili devas fiaske malaperi aŭ publike albatali, kun ĉiuj riskoj, la popolon, kiu unue metis barieron al la marŝo provokema de l' faŝismo.

Malgraŭ doloro, malgraŭ sufero, malgraŭ tiom grandega kvanto da viktimoj, ni ne forlasos la gloran taskon lukti kontraŭ la bruna pesto por nia propra sekureco k por ebligi, kun la nia, la feliĉon de ĉiuj aliaj popoloj.

## ENUO...

Ofte, multajn fojojn, kiam, sub la obtuza impreso de impona kruela bombardado, tra nokta kvieteco de urba ariergardo, ni ordigas ideojn k vicigas vortojn konvinkiĝajn en nia gazeto, svarmas ankaŭ la tikla suspekto ĉu la temo milita elĉerpiĝas k fariĝas jam tro monotona aŭ tro enua por la delikata emocio de niaj karaj legantoj...

Milito, laŭ faŝistaj histrionoj, estas apoteoza ekzerco forĝanta harde la popolojn k skulptante genie, per batoj arogaj de sabro, la homan historion. Tamen, ĉu estas necese intime konfesi, ke milito estas abomeno k forvelko de ĉiuj altaj moralaj kondiĉoj?

Malgraŭ profunda naŭzo al milito, ni devas sinsekve priskribi metode batalojn k luktojn sur maro k tero aŭ tra la ondoj de aero lazura. Nia celo estas, per taktoj de lingva tamburo, veki atenton pri la barbara harmonio el tondroj de kanonoj, pafoj de fusiloj k pluvo de mitralo, kiel decidaj argumentoj, nun, de monstra dilemo krude postulanta morton k detruon por omaĝi vivon k laboron. Vera sporto anstataŭ puno!

Ju pli forta la vero des pli obstina ĝi estas! Kiel morala defendo de nia rajto, antaŭ la viva konscienco de tuta la mondo, unu sola temo, kvankam enua pro ja ofta ripetado, estas sen disputo la neskuebla kolono de nia pravo: La hispana popolo sankciis sian reĝimon per normala balotado; tio naskis legitiman registaron, kiu devis elteni la puŝegon de perfida ribelo de aristokratoj, episkopoj k generaloj uzantaj, kontraŭ la popola libero, la naciajn armilojn k akceptantaj la fian invadon de tri faŝistaj potencoj kiam la kuraĝo de la amaso estis pli forta ol ilia nigra perfido.

Jen ĉio! ja nur per ĉi tiu honesta spico, ni rajtis frandigi la saŭcon de nia vasta internacia agitado. Kun varia nuanco, kun malsama tono, ĉiam dancis la sama temo, por eviti zorge la riskojn pri tedo k malmodo, fatala minaco por noblaj aferoj, kiam ili baraktas angore, en marĉo de miskompreno, sen abruptaj reliefoj.

Se milito fariĝas longedaŭra, defumiĝas patoso, restas en la mansardo de la Historio la vervo de la komenca impeto, k la filmo, pri parada malŝparo de drastaj scenoj, havas la tekston de koncizaj notoj oficialaj, kun laca vosteto je konata frazo: «Nenio nova, hodiaŭ, en la frontoj». Tiu «nenio nova», angora enuo, lago sen suno, estas ombro nur, antaŭ la aŭroro de floranta Ĉio Nova...

## Se ne venis, invade al Hispanio, tuta armeo de Italio, tio estis nur pro eraro en la takso

**Oni kalkulis erare—ĵus diris oficiale, en kunveno de la Ligo de Nacioj, la hispana delegito k-do Alvarez del Vayo—pri la rezistokapablo de digna popolo preta defendi, ĝis lasta viro, per propra sendependeco, la pacon k feliĉon de la tuta Homaro, kiel devo k honoro antaŭ la tribunalo de sia konscienco!**

EN LA INTERNACIAJ BRIGADOJ

# UNUECO DE KONSCIO

Se oni pensas pri lojala hispana popolo, luktanta kun miriga ardo kontraŭ tutmonda faŝismo, la penso vekas en ĉiu menso bildon pri fortega unueco, reganta la diverstavolajn k malsamtendencajn loĝantojn de Hispanio. Tiel estas facile imagi al si la spektaklon de anarkistoj, komunistoj, katolikoj k respublikanoj, batalantaj ŝultro-al-ŝultro kontraŭ la, de ĉiuj malamata, rabobesteca internacia drako, kiel komuna malamiko.

Pli malfacile estas kompreni la diverslandan proletan unuecon, kiu ekzistas en la Internacia Brigado. Pri tiu internacia unueco mi volas ion rakonti en nia ŝatata POPOLA FRONTO, la bela unuecfronta internacia gazeto.

En la Internacia Brigado ekzistas orkestro, kies muzikistoj estas diverslandaj, kompreneble, kamaradoj. Mi mem havas ĝojon partopreni, kiel membro, tiun muzikistaron.

Inter la germanoj, en tiu orkestro, estas unu, kiu batalis en nordfrancia fronto dum la mondmilito, tion li rakontis al mi.

Iun pluvan vesperon, ne povante promeni tra la urbo, post la deĵoro, ni restis en la ĉambro. Unu el la francoj rakontis travivaĵojn siajn k diris babileme, ke li dum la milito batalis en la nordo de Francio. Mi kiel kutime agis kiel interpretisto. Pere de mi, iu germano demandis detalojn k evidentiĝis, ke ambaŭ batalis en la sama sektoro dum la sama epoko. Ambaŭ miris pro la kurioza koincido. Kaj nun okazis io, kiun mi dum mia tuta vivo ne facile forgesos.

La franco diris, ke li tiam estis tro juna por bone kompreni, kion li faras. La germano aprobis, dirante samajn vortojn. Tiam la germano petis tradukon de jena frazo: «En la jaroj 1914-18 mi eraris, mortigante miajn francajn samklasanojn. Feliĉe mi venis al alia vidpunkto. Tial mi estas tie ĉi, feliĉa k kontenta inter miaj francaj, nederlandaj, belgaj k alilandaj fratoj. Kamarado franca! ni korektu la eraron, iam farita de ni. Ni ne plu estu francoj, germanoj ktp. Ni estu samcelaj fratoj inter kiuj ne plu ekzistu naciaj antagonismoj.»

Post tio, la franco k la germano ĉirkaŭbrakis sin reciproke. Ne posedante komunan lingvon por esprimi siajn pensojn, ili senvorte, kun larmoj en la okuloj, kapablis diri multon per muta elokventeco. Jen kamaradoj la internacia unueco!

Por vi, kamaradoj, en landoj kie jam ne ekzistas popolfronta unueco, estu tiu ĉi rakonto instigo por starigi ĝin. Post ĝi, la laboristaro en Tutmondo kreos la internacian mondskalan unuecon, por ebligi novan mondsocion, en kiu regos feliĉo, paco k laboro por ĉiuj homoj de bona volo, k en kiu, faŝismo k milito estos fantazia estinta ĥimero.

(Raportite de k do. J. DISKO)





Sprita bonhumora karikaturo pri Indalecio Prieto, socialista ministro de Nacia Defendo —kun tri fakoj: maro, aero k tero—en la nova popolfronta Registaro

# VORTOJ DE LA REGISTARO

La nova ĉefministro k-do Negrin, membro de la Socialista Partio, ĵus diris deklare interesajn vortojn el kiuj ni objektive prezentas resumon:

La reĝimo de Hispanio, post venko en la milito, estos laŭ sistemo, kiun la popolo elektos libere. La aktuala Konstitucio estas jam vere demokrata; ĝi ebligas ĉiujn, plej aŭdacajn, paŝojn pri ekonomio k politiko.

Tamen, la ribelo detruis normojn, kun tradicia influo, kio certe ne povos plu floradi. Pro tio, la panoramo de nia lando, post la triumfo, estos tute alia ol tiu de la epoko antaŭa al Julio 1936. Sed, kiel dirite, estos nur la popola volo, kiu donos definitivajn konturojn al la ŝanĝoj okazintaj pro la konflikto.

Oni nur konfiskis la bienojn de personoj helpintaj la ribelon. Nia celado nun estas saĝe starigi reĝimon pli justan en tiu aspekto k profiti, pli utile, la riĉan grundon de la lando, helpante la modestajn proprajojn—treege abundaj en kelkaj regionoj—por trovi en la rekonstruado firmajn apogojn. Ni donos garantiojn por plena libero je religio, kvankam rigore oni ne permesos, ke, sub la vualo de nia toleremo, suferu skuon la fundamento de la nova popola Respubliko.

La ŝtataj provizoj da oro estas en sekura loko de nia lojala teritorio; ĉiu alia supozo, pri tiu afero, estas deliro de naivaj mensoj. Svingi timigajn aŭgurojn pri la estonta strukturo de Hispanio estas absurda taktiko por izoligi la popolon, kun ĝia registaro, je larĝaj amasoj el la internacia opinio por la hispana Popola Fronto, kiu, en masiva unueco, donas altan ekzemplon pri sufero k ofero por gajni rajton ĝui plene liberon k dignon, en la koncerto internacia.

# SAGETOJ SEN MALICO

- Oftaj rendevuoj okazas sinsekve inter germanaj k italaj politikistoj. Elstaraj figuroj de ambaŭ faŝismoj veturas tien k reen tra eksterlando.

  Pri kio temas?

  Ja iliaj presorganoj malkovras la sekreton. Ili celas «defendi sin kontraŭ la konstantaj atencoj de la demokrataj potencoj...»

  La finrezulto estos nepra «defensiva» milito, trudita al la eŭropaj faŝismoj, devigataj batali pro sia ekzistorajto! Ja la situacio fariĝas neeltenebla por la pacemaj faŝistaj ŝtatoj.

- Prezidanto de Baskio Sro Aguirre sin turnis al la Papo, okaze de la barbara detruo al Gernika k petis lin forlasi sian silenton k esprimi sian kondamnon per laŭta voco antaŭ la tutmonda kristanaro.

  Sed la Papa Moŝto restas ankoraŭ muta. La Vatikano do, ankaŭ subtenas la ne-intervenan politikon de la Londona Komitato, en la nomo de Dio.

- En sia verko «Principoj pri militpolitiko», germana teknikisto pritraktas la bombardadon al malfermaj urboj kun celo senmoraligi la kontraŭstarantojn. Li skribis: «Se la urboj k vilaĝoj estas flamdetruitaj, se virinoj k geinfanoj falas sub gasatakoj, se la loĝantoj en urboj malproksimaj de la batalfrontoj suferas la bombojn k torpedojn de aeroplanoj, ne plu eblas daŭrigo de milito. La popolo, senmoraligite, postulos tujan pacon, submetiĝon k ties registaro, eĉ se ĝiaj nervoj estas escepte fortaj, ne povas rezisti tiun popularan petegon.»

  Tamen en Hispanio fiaskis la sistemo de tiuj idoj de Atilo.

- La ĵurnalo *Diario de Noticias* de Lisbono raportas: «Sistema bombardado al Madrido kontinuas. La artilerio de la naciistoj elĵetis konstante grenadojn k ŝrapnelojn «por pliigi la viktimojn inter la civila loĝantaro».

  Tion konfesas la portugalaj amikoj de hispanaj (!?) ribeluloj. Sed la Komitato pri Ne-Interveno cinike intencas rekomendi «al ambaŭ partoj», ke la «lukto estu humanigata». Evidente, la faŝistoj kun la Komitato konsistigas unuecfronton.

- Bone konsilite de siaj fremdaj kunuloj, «Von» Franko decidis starigi unikan partion en la hispana zono, kiun li estras, por eviti la internajn baraktojn pro diverĝoj en la ariergardo. Tiu nacia ĉefo forgesis hispanan klasikan proverbon, laŭ kiu «la vesto ne faras la monaĥon». Li celas forigi la malsanon per forigo de la simptomoj.

  Ĉar la fama Komitato sisteme egaligas nin kun la ribelintoj, ni esperas ke oni elpensos proponi nian aliĝon al tiu partio de Franko por solvi tiel la konflikton. Ĉu?

- La ne intervenistoj k iliaj kunkulpuloj «demokrataj» jam tro ekparolas pri eventuala malkaŝa interveno, ebliganta la «memdecidon» de la hispana popolo. Kia sarkasmo!

  Ĉu la ne intervenaj intervenistoj akceptus samtempe kontrolon por ebligi la memdecidon de siaj subpremataj popolanoj?

  Ĉar ankaŭ la loĝantaro de la faŝistoj landoj rajtas «memdecidi», ĉu ne?



PRUVOJN! PRUVOJN!
Je kioma amplekso, bezonas ilin s-ro Eden?

## AERA BILANCO

Jen resumo de la tasko kiun plenumis, dum monato Aprilo, la aeraj armeoj en nia lando:

Respublika Armeo. – Bombardadoj sur aviadkampoj, 2; sur trupoj, 168 k sur militaj celoj, 44.

Faŝista armeo. Bombardadoj sur trupoj, 37; k sur civilaj urboj, 60.

La Respublika Armeo perdis 4 aviadilojn (2 en norda fronto k 2 en Terolo).

La faŝista armeo perdis 20 aeroplanojn (2 en suda fronto, 3 en Malago, 6 en Terolo k 9 en norda fronto).

La aeraj bataloj okazintaj dum la tuta monato estis 13.

## Ili neniam trapasos!

Viro
Vampiro
Tutmonda konato
Grandskala pirato
Murdisto
*Nazi*-isto
Grandoficiro
Faŝista konspiro.
Aristokrato
Sen ia kompato
Homojn ĉasanta
Lango lekanta
Fibarbaro
Kontraŭ proletaro
Sangavida orangutango
Jen... estas Franko!
Li venkon sopiras
Kaj tombon akiras
Ĉe Madrido
Proleta piramido
Ne eblas ŝancelo
Apud citadelo
Vana la klopodo
Jam eke de l' eksplodo
Sankta la afero
Tutmonda libero
Komune luktanta
Vere giganta
Unueca la devizo
De l' organizo:
Ni la brutaron frakasos
Ili neniam trapasos!

L. VENKO
Haarlem (Nederlando)

EPIZODO EN LA FRONTO

## BRAVA TANKISTO

La soldato Remigio Calero estis iun posttagmezon kun sia maŝino (tanko) ĉe batalloko apud Madrido. Oni estis ordoninta lin zorgi pri difinita linio k li plenumadis la ordonon akurate. Kelkaj unuoj de la Armeo estis protektataj de la tankopafiloj.

Subite aperadis ses germanaj tankoj. Ses kanonoj pafis sur la respublikanan tankon k ekmarŝis al nia infanterio. Neniu sendito de Hitler povas supozi, ke eblas rezisti tiel superan malamikaron. Sed Remigio Calero opinias male k tial li atendis. La problemo por li estis simpla. Kiam oni donis la ordonon al li, oni aldonis nenian klarigon. Estas do, pro tio necese rezisti, eĉ se alvenus ĉiuj tankoj de Franko. Samtempe oni provas difekti iun el ili. Jen tasko!

Dum kelke da tempo li pafadis senĉese, ĝis preskaŭ elĉerpi sian municion. Kaj la ses germanaj tankoj restis tie, senutilaj por ĉiam.

Calero nur interrompis sian pafadon kiam la ses tankoj restis senmovaj. La lastajn pafojn li faris kun mano premanta la vizaĝon. Kiam li, eksveninte, forlasis sian maŝinon, ne kapablis vidi. Anstataŭ la maldestra okulo aperis kavaĵo sanga k profunda.

## INTIMECO EN DISCIPLINO

En la oficejo envenas la respondeculo. Laŭ lia grado, li estas leŭtenanto. Timiga besto en kapitalista armeo. En la ĉambro mallumiĝas. Iu kamarado ekkrias: «He, Wolf» – la nomo de la leŭtenanto – «eklumigu la lampojn».

Ni ĉiuj, k kamarado leŭtenanto kun ni, ekridas pri tiu ordono al superulo. Ĉu maldisciplino? Tute ne! Nur kamaradeco, per kiu la laboro tute ne suferas.

BERLO
Volontulo en Internacia Brigado

# JE NOMO DE LA EVANGELIO

Franca ĵurnalisto Albert Bayet adresis sekvantan leteron al katolika verkisto Francois Mauriac:

«Estimata sinjoro: Vi estas unu el la majstroj de la katolika pensmaniero; vi ĝin esprimas brile, ĉerpante el ĝi kion ĝi entenas iom humana. Permesu al laiko, kiu albatalas viajn ideojn sed admiras vin, kiel artiston k apostolon, fari al vi demandon: Kial vi ne staras en unua vico, inter kiuj defendas la respublikan Hispanion kontraŭ la ekzekutistoj?

Mi skribas ĉi tiujn vortojn kun la emocio, kiun vekas, en koro de ĉiuj liberaj homoj, la teruriga detruado de Gernika.

Tiu urbo, k vi tion scias pli bone ol mi, estis la urbo Sankta por la baskoj, la centro de iliaj kulturaj k katolikaj tradicioj. Lundon 26. Aprilo la germanaj aviadistoj decidis detrui ĝin.

Mi ne deziras reprodukti ĉi tie la raporton aperintan en *L'Oeuvre, Le Populaire* aŭ *L'Humanité*. Mi citos la raporton de *Le Petit Parisien:* Je la 16'30 h. la ekleziaj sonoriloj sonoris laŭ alarma signalo. Aviadiloj alproksimiĝas. Tuj oni konas ilin. Estas «Heinkel-oj» k «Junker-oj» senditaj de Hitler sub la protekto de la blufa Ne-Interveno.

En tiu katolika urbo, pastro ekdirektas la defendajn zorgojn. Li konsilas al loĝantaro rifuĝon en la kelojn. Dum oni faras tion, alvenas la unua aeroplano, kiu ĵetas bombojn. Post tiu venas alia. Viroj, virinoj k infanoj estas premegitaj aŭ bruligitaj en siaj rifuĝejoj. Aliaj, teruritaj, revenas al la strato k kuras ĉiudirekten. Tuj aperas la aviadiloj. Per grenadoj k mitraliloj ili atakas la timigitan amason.

Kion oni povas fari en tiu malferma urbo kontraŭ tiel senriska k senkuraĝa atako? La pastroj, al kiuj mi omaĝas, malatentante danĝeron je morto, miksiĝas kun la amaso, benas la mortantojn k la mortontojn. Preĝu! li invitas. La piuloj genufleksas. Sed kiam leviĝas la edzo, kuŝas sur tero la edzino. Kiam leviĝas patrino, ŝi nur povas preni manon de mortinta infano. Estas pli bonŝancaj la mortintoj ol tiuj, kiuj terure marŝas kun kripligita filo en brakoj, kun blindigita filino!

Preĝoj daŭre supreniras al ĉielo k el ĉielo daŭre falas la morto k la teruro. Dum tri horoj—jarcentoj!—la mitralo falĉis senkulpajn estulojn. Dume, aperas incendioj, konstruaĵoj falas teren. El ĝiaj ruboj eliras angoraj krioj.

Kontraŭ tiuj sennomaj teruraĵoj, ni, laikoj, krias nian indignon. Kaj ni ne demandas ĉu la viktimoj kredis aŭ ne; ĉu ili ĉeestis aŭ ne la preĝejon. Ni sentas ke ĉiuj, piuloj aŭ nekredantoj, estas niaj fratoj. Nia kompato etendiĝas al ĉiuj senkulpuloj; nia naŭzo al ĉiuj murdistoj.

Kaj vi? Mi ne parolas, kompreneble, pri viaj personaj sentoj. Mi scias, ke ili estas similaj al la niaj, ke tra malsama vojo ankaŭ vi iras al malaprobo, simila al la nia. Sed mi parolas pri viaj amikoj, pri tiuj, kiujn vi gvidas: la francaj katolikoj.

Kion ili diras, kion ili faras aŭdinte la teruran detruadon de Gernika? Kelkiuj—ne la plej malbonaj—rigardas aliflanken, ili pensas pri alia afero. Pri sensacia krimo, pri la borso... Aliaj—la veraj, la puraj—diras malvarme: «Baskaj katolikoj k pastroj de Gernika estis antifaŝistoj, «ruĝaj» respublikanoj; ili apogis la Popolan Fronton; despli malbone por ili. Franko defendas la monon. Hitler defendas la monkofrojn. Vivu la mono! Gloro al Franko! Vivu Hitler!

Kelkaj faras ion pli; ili ripetas la dirojn de l' murdistoj, ili ŝajnas kredi, ke la mortintoj de Gernika memmortigis sin; ke «ruĝuloj», pro sia furiozo bruligis siajn proprajn domojn, siajn familiojn, dum la aviadiloj portis al ili la olivarban branĉon k la benon de Kristo. Tiuokaze, al la teruro de l' krimo alkroĉiĝas la rikano de cinika mensogado.

Tiel agas viaj ŝafoj, s-ro Mauriac. Ili anatemas la laboristojn, kiuj defendas la panon k popolon kiam tiu defendas siajn rajtojn, k eĉ la katolikojn kiam ili ankaŭ pretendas liberon.

Kaj mi simple demandas: Kion vi atendas? Kion vi atendas por instrui, ke la Evangelio kondamnas la krimon k predikas mildecon? Kion vi atendas por averti laŭte, ke stari apud krimo k mono, signifas stari apud Judaso k apud Kaino?

Nunmomente, en improvizitaj hospitaloj, en keloj, kripligitaj infanoj krias, agonias. Dum aliaj aviadiloj alproksimiĝas, la gepatroj dubas pri la homaro, pri la justo, pri ĉio. Ili silentas antaŭ la morto, kiu ĉiam alvenas k antaŭ Francio, kiu venas neniam.

Sed ili eraras. La respublika Francio, la laika Francio, la Francio de la Homaj Rajtoj estas apud ili. Tiaj Francioj kliniĝas sur ilia mizero, sur la litoj de kripligitaj infanoj, sur la mortintoj, sur la luktantoj.

Kaj, la parto de Francio, kiu nomiĝas katolika, ĉeestos kun sekaj okuloj al tiu turmentado? ĉu ĝi daŭre asertos, ke la mono pravas? ĉu ĝi daŭre malbenos la viktimojn k benos la murdistojn?

Ni atendas vian respondon!

Ĉu vi permesos, ke la religio, kiun vi kredas Dia, estu malsupera al niaj homamaj konceptoj? ĉu vi toleros, ke bando de banditoj transformu la virgulinon de l' «Pilar» en la ruĝa virgulino de Badajoz, Malago k Gernika? Jam en tiu freneza deklivo, la mistika figuro de Kristo—homo disradianta amon—transformiĝas, por abomena profito de kapitalismo, sen religio nek moralo, k por honto de piuloj, je kruela idolo de barbara sekto bezonanta por ekstazo la akran odoron de sango fluanta el homaj arterioj...

Se vi tion ne volas, rapidu! Tie estas la ekzekutistoj serĉante aliajn virinojn, aliajn infanojn. Se vi deziras, ni iros solaj helpi viktimojn k ni solaj signos la ekzekutistojn, sed almenaŭ, kiel oni diras en Evangelio, ni estos laŭdintaj helpeme la plej bonan parton.



Pro la pafoj de popola aviadilo, la fundo de la maro estas nun tombo por la imponaj baterioj sur ferdekoj de la faŝisfa pirata ŝipo «España», kiu, kun germana komando, estis angoro por la belaj apudmaraj urboj de la lojala periferio

**La metodoj de kanajlo estas propagando por celoj de apostolo**

# JEN LA HISPANA REVOLUCIO!



La popolo de Hispanio devige batalas kun armiloj en manoj. Miloj plus miloj da laboristoj baras, en la parapetoj, la paŝojn de faŝistaj invadintoj aŭ laboras daŭre en laboroj de ariergardo. Ni ĉiuj partoprenas kruelan batalon kontraŭ la fremdaj k naciaj potencoj, plej frenezaj k plej reakciaj. Ni ĉiuj kune vibras, dum lukto k dum laboro, por puŝi foren la hufojn de la faŝista angoro k detruadi la saman minacon en aliaj landoj. Grava ĉapitro tio ĉi estas ja por la homa historio! Tamen speciala ondo estas la motoro de la popola kuraĝo: Samtakte kun la milito, fluas ŝaŭme la fontoj de la revolucio!

Nia revolucio, akuŝaĵo dolora de grandioza oferemo, ne estas simpla kolekto de frazoj emfazaj nek ĥimeraj aspiroj aŭ demagogiaj krioj. Ne, tute ne! La cemento de nia revolucio fiksiĝas masone sur la vivaj rokoj de la sociaj realoj, sur la fundamenta akso de niaj aktualaj ekonomio k politiko. Nia revolucio—konstruado post detruado—montras jam la palpeblan realon de multaj jenaj konkretaj faktoj:

La grundo apartenas jam al la modestaj kamparanoj k terlaboristoj sen imposto nek kondiĉo. Dekmiloj da homoj, tradicie ekspluatataj de riĉaj terposedantoj k feŭdaj sinjoroj, estas nun mastroj de la kampoj, kiujn ili irigaciis per sia ŝvito povante, finfine, plene jam ĝuadi la rikolton de sia penado. Ankaŭ la grandaj fabrikoj, forlasitaj de faŝistoj k reakciuloj, apartenas plejmulte al la ŝtato, sub rekta kontrolo k interveno de laboristoj. La proletaro mem gvidas la produktadon k fervore respondecas pri tiu tasko, kiel branĉo tiel grava dum milito. La fieraj k riĉaj bankieroj ne dorlotas avare siajn kapitalojn. La bankoj, naciaj financaj nestoj, havas severan kontrolon de la ŝtato, kune kun tiu de la sindikatoj.

La armilaro en manoj de la popolo, kun lerta nova oficistaro el proleta deveno, estas bona garantio pri tio ke jam ne plu ekzistas armeo por la superaj kastoj; nun la laboruloj mem defendas k gardas la rajtojn de sia libero k bonstato. Malaperis la ekonomia k politika potencoj de la Eklezio; kardinaloj k episkopoj, ribele batalantaj en la faŝistaj vicoj, estis senigitaj je la imponaj trezoroj akumulitaj per ruza manovrado. La legitima registaro estas la gvida plenumanta organo por la programo de la Popola Fronto, en la hispana antifaŝismo. La superaj oficialaj postenoj ricevas la gvidon de modestaj civitanoj, kiuj kun freŝa kapablo plenumas diligente k diskrete siajn taskojn. Sindikatejoj k kulturaj societoj okupas, por siaj utilaj celoj, la palacojn, kun luksaj mebloj, de forkurintaj faŝistaj nobeloj. La reakciaj ĵurnaloj estas nun propra voĉo de popolaj organizoj.

Jen la ĉefaj utilaj trajtoj de nia vera revolucio, en aroga transformiĝo, de normoj k procedoj, paralele kun la fluoj dramecaj de la milito, laŭ saĝa k prudenta irado al Socialismo. Tial, ĉar gajno de la venko estas nepra kondiĉo por disvolviĝo de fakta k ne utopia revolucio, la laŭta devizo de tuta popolo estas ĉiam k ĉiam: lukto sen laco en tranĉeoj, k laboro sen ripozo, sen halto, en kampoj k fabrikoj!

# KE ILI SIN HUMANIGU!

La malfeliĉa Komitato pri Ne-Interveno celas al humanigo de nia milito k por trafi la celon, ties genia prezidanto Lord Plymouth, laŭ eminenta inspiro, proponis ke la fama Komitato sin turnu al ambaŭ partoj luktantaj, tio estas, al ribelintoj k al la konstitucie legitima Registaro; al krimulo k al la polico; al atakinto k al atakito; al viktimo k al ekzekutisto.

Tiu propono aperas post la *science* organizita detruado de Gernika, la senprecedenca masakro, plenumata laŭ germanaj k italaj planoj.

De la komenco de nia milito, la faŝistoj semis teroron kun la espero pri efika rezulto en nia popolo. Niaj plendoj, niaj krioj, niaj avertoj ne trovis taŭgan aŭ konsolan eĥon. Necesis ke la nombro da viktimoj terure kreskadu k eĉ ke simpatiantoj eksterlandaj agnosku nian veron...

En katolika gazeto el Belgio «Libre Belgique» ni legas artikolon de ĝia sendito, kiu vizitis la *blankan* zonon k nun verkas priskribante sian vojaĝon.

En artikolo «La milito sen kaptitoj» ni legas jenajn frazojn:

«En la ĉefa Komandejo oni ne scias kie estas la kaptitejoj, ĉar kaptitejoj... ne ekzistas! La leganto povas kredi, ke tiuj vortoj estas skribitaj kun doloro k teruro. Mi estus dezirinta reveni el Hispanio kun sama entuziasmo, kiun mi havis dum mia ekvojaĝo... Sed nepre mi devas skribi tragike k terure: La kaptitejoj ne ekzistas! Tamen, sendube, ili kaptas malamikojn: sed, per «blankaj» mitraliloj, oni simple neniigas ilin. Interne de *blanka* zono oni sisteme nuligas ĉion, kio estas «ruĝa». Kompreneble ili ne povas ekstermi ĉiujn civitanojn, kiuj ne estas pure blankaj; sed ili mortkondamnas ĉiujn, kiuj apartenis al maldekstraj partioj.

Franko mem, devigis mitrali mil kvin cent laboristojn en Badajoz.

Tio ne estas novaĵo. Ankaŭ okazis la masakroj al civila loĝantaro de Madrido k de aliaj urboj; k ekzistas, depost la preno de Malago, «referendumo sur la vojo» kie obusoj falis el ĉielo sur fuĝanta loĝantaro, kiu forkuris kiel en Belgio, dum la Mezepoko, antaŭ la atako de l' Normandoj».

Post la verkado de tiu artikolo la ribeluloj senĉese, tagon post tago, sin superas... dum la «neŭtrala» Komitato de Londono invitas nin al humanigo...

Ne estas ni kiuj iniciatis la militon, nek ribelis, nek ĝin krueligis, sed la faŝistoj. Do, ke ili sin humanigu!

# La instruisto Placido Dante

La 25. Januaro, en urbo Avelino, advokato Marsico organizis mitingon, kie li faris alvokon al milita k civila loĝantaro, celante helpon al Franko: «En Hispanio ekzistas kvindek mil germanoj. Ni, kune kun ili, devas liberigi hispanan popolon el ruĝaj tiranoj!».

La unua divizio translokiĝis al Hispanio; torpedŝipoj eskortis kvar ŝarĝŝipojn. La italoj alvenis en Kadiz la 6. Februaro. La soldatoj estis aliĝitaj al «Falango» ricevinte membrokarton. Nur per tio ili restis ligitaj al ribeluloj. La italoj havas propran komandon, proprajn intendantojn k eĉ proprajn bordelojn.

Unu el la militaj ordonoj estas plena je pesimismo: La operacioj okazas malsame ol Romo projektis. La estro de itala stabo, kolonelo Giannuzzi, melankolie skribas: «Punu tuj severe la atakojn al disciplino, ĉar tio tro ofte okazas».

Kun la dokumentoj estis trovata flugfolio pri agitado; teksto eksterordinare poezia: larmoj, tigroj, hirundoj, io samdistanca inter versoj de Gabriele D'Anunzio k de patosa romantikismo. Ĝi finas per alvoko kun jena inspirita frazo: «En hispana lando, alian fojon ni kantos militajn kantojn per ritmo de atako». Mi ne scias kiel marŝas nun la afero pri la kantoj. Respublikaj soldatoj ne aŭdis, ĝis nun, tiajn melodiojn. Sed rilate al atako la afero marŝas malbone. Malgraŭ ke ili estas pli multenombraj, la italoj forkuris jam tri tagojn en la sama zono. La respublikaj antitankistoj plene detruis 20 tankojn, tipo «Brescia». Hieraŭ, la respublikanoj kaptis denove soldatojn italajn. Tiamaniere, la respublikanoj povas elmeti, antaŭ la respektindaj membroj de Londona Komitato, tutan etnografian kolekton: komandanto, leŭtenantoj, serĝento k soldatoj de Reĝa Itala Armeo. Ankaŭ estas kaptita kuriero kun valizo, kiun oni ne povas nomi, eĉ de Londonaj talmudistoj, diplomata.

Leŭtenanto Sachi Achille diris al mi: «Mi estas oficiro de itala armeo k mi plenumas ordonojn. Neniu povos submeti Italion. Ni havas potencan armeon; oni sendis nin al Hispanio, ĉar generalo Franko ne estas sufiĉe forta».

Generalo Bergonzoli, dum parolado, diris: Ni instruos hispanan popolon pri grandiozo de nova itala faŝista kulturo».

Mallonge mi rakontos al vi la ekzemplon de unu el la pioniroj de tiu nova kulturo, kun kiu mi sukcesis trankvile konversacii.

Li estas nomata Placido Dante, laŭ profesio li estas instruisto k li batalas kiel suboficiro de itala armeo. Li estis ordenita kvarfoje, dum Abisenia kampanjo. Mi insistas pri tio; mi prenas kiel ekzemplon ne kamparanon nek manlaboriston, sed instruiston. Kiuj do, se ne instruistoj, devas realigi la drastajn vortojn de generalo Bergonzoli?

—Ĉu vi estas membro de Faŝista Partio?

—Jes.

—Kial vi aliĝis la partion?

—Ĉar mi bezonis manĝi.

—Kial vi venis ĉi tien?

—Ĉar tion oni ordonis al mi. Italio volas helpi Frankon.

—Kial Italio helpas Frankon?

—Generalo Franko promesis al Italio Balearajn Insulojn.

—Ĉu vi scias, kia estas la hispana reĝimo?

—Respubliko de anarkistoj k komunistoj.

—Ĉu vi scias, kiu estas Azaña?

—Ne; mi neniam aŭdis tiun nomon.

—Kiu regas en Hispanio?

—Mi kredas, ke la komunisto Largo Caballero.

—Ĉu vi konas la historion de via patrio?

—Jes.

—Kiu estis Nitti?

—Komunisto.

—Mateotti?

—Komunisto. Oni jam mortigis lin komence de la Faŝista Revolucio.

Post paŭzo, la pioniro de itala kulturo, aldonas:

—Rusio, kun Francio k Anglio deziris alproprigi al si Hispanion.

—Kiacele?

—Por konkeri Gibraltaron. Tiam Rusio povus regi la Mediteraneon.

—Ĉu vi kredas ke Rusio, kun Anglio, deziras kapti Gibraltaron, kiu apartenas jam al Anglio?

La instruisto forviŝas la ŝviton de la frunto. Li ne faras, kutime, tiom da k tiel komplikajn mensajn ekzercojn. Li scias, kio estas faŝista lernejo: «Unu, du; unu, du».

Li havas adzinon en Aquila. En poŝo li havas dekduon da portretoj de knabinoj de Kadiz Seviljo k Burgo de Osma.

La instruisto ne konkeris Malagon. Tie laboris liaj disĉiploj. Al instruisto oni mendis la alprenon de Madrido k sur ĝiaj ruinoj planti la novan italan kulturon.

Respublika soldato, kiu aŭskultis mian konversacion kun la kaptita instruisto, sopiris, fingromontris lian kapon k ekdiris: «Malsaĝulo»... Tiu soldato estas simpla kamparano el Jaen. Li komprenas, ke la instruisto estas sovaĝulo, sovaĝulo rilate al kiu, la barbaraj marokanoj ŝajnas saĝuloj. Sovaĝulo kun dentbroso k antigasa masko. Sovaĝulo, kiun sendis la faŝismo por detrui la gajan k riĉan popolan, aŭtentan, kulturon de Hispanio.

Ilya EHRENBURG

# VIRINA PROTESTO PRO DETRUO DE GERNIKA

Je nomo de multaj virinoj el multaj landoj, la prezidantaro de la Internacia Virina Unuiĝo por Paco k Libero fortege protestas kontraŭ la fia murdiĝo, de civila loĝantaro, en la baska regiono. Jam de post 1915. la Internacia Virina Unuiĝo multfoje laŭtigis siajn postulojn por certigi la pacon en la mondo; ankaŭ plurfoje, sed tute vane, ĝi proponis fini la teruran militon en Hispanio.

Ĝenerala konfuzo—senespero—hombuĉado k detruo de altvaloraj kulturaĵoj daŭrigadas. Krio de abomeno k teruro iras tra la mondo pri la ĵus okazintaj murdoj k detruoj en Baskio, rikano kontraŭ ĉiu ajn kompreno pri humaneco k militjuĝo. La prezidantaro de I. V. U. fortege protestas kontraŭ ĉi ĉio k deklaras:

Ĉiu, kiu rilate al tiuj okazaĵoj—malkuraĝaj krimoj—silentas, fariĝaj kune kulpa. Ankoraŭfoje ni postulas de la regnoj, posedantaj potencon por tio, fine konsciadi pri altaj devoj por la Homaro k zorgi pri energia agado por eviti la daŭrajn krimojn kontraŭ la hispana popolo.

Internacia Virina Unuiĝo por Paco k Libero

| | | |
|---|---|---|
| GERTRUD BAHR | KLARA RAGAR | C. RAMONDT-HIRSCHMANN |
| Germanio | Svisio | Nederlando |

# MOZAIKO

● Laŭ oficiala statistiko, de 1. Aprilo al 9. Majo, la pafado de la faŝistaj kanonoj kontraŭ Madrido kaŭzis jenajn viktimojn:

76 virinoj k 141 viroj; entute 217 mortintoj. 340 virinoj k 453 viroj; entute 793 vunditoj.

Post tio, la 10. k 11. Majo okazigis preskaŭ cent mortintojn k kvarcent vunditojn.

Ĉiutage k senĉese la «monstroj» daŭre kanonpafas al civilaj zonoj de nia ĉefurbo, plenumante tiel la kondiĉojn de «kompleta milito».

● Inter la politikaj komisaroj de nia norda armeo ekzistas sep dek pastroj. Kiel oni scias, la politikaj komisaroj ludas gravan rolon, en la nova popola armeo, ĉar ili estas la veraj politikaj konsilantoj de la militestroj.

● La «ebriulo de Seviljo» generalo Kejpo de Llano diris radie: «La pastra dekano de Canterbury estas idioto k perversa krimulo. Ĉiuj anglaj pastroj havas malbelajn edzinojn; tial ne estas strange ke ili favoras la ruĝulojn ĉar tiuj ĉi regalas ilin per belaj virinoj k rusa oro.»

● Faŝista mara mino, el germana deveno, difektis la anglan detruŝipon Hunter, du mejlojn antaŭ la haveno de Almerio.

La ŝipo estis savita dank' al helpo de respublikaj militŝipoj. Oni ne povas nei la efikon de la mara kontrolo. Ni ankoraŭ kredas, ke Anglio malfermos novan enketon...

● Niaj soldatoj, en norda fronto, kreis novan sporton: la ĉasadon de aeroplanoj per fusiloj.

Ĉar en tiu fronto la aviadiloj flugas tre malalte, la soldatoj atendas en siaj tranĉeoj la alvenon de aeroplano k kiam ĝi trapasas vertikalan punkton, ĉiuj fusiloj pafas samtempe.

Per tiu procedo oni sukcese ĉasas nigrajn birdojn. La 13. Majo ni ĉasis unu aparaton k la aviadiston, kiu sin ĵetis per paraŝuto. Li estas, kompreneble, germana; Wandel Jeadims Hans, 23 jaraĝa.

● Dum la unuaj tagoj de Majo eliris el haveno Napoli, ŝipo «Liguria» kondukanta al nia lando 500 italajn oficirojn.

Ĉar tiu ŝipo estas ĵus transformita en helpa krozŝipo, ĝi rajtas vojaĝi libere, sen kontrolo!

● Alia itala generalo aperis en la kampo de «volontuloj». Generalo Ponti kiu komandas la italajn trupojn en Aragona regiono.

Ĉar en tiu fronto luktas italaj trupoj, ni fideme atendas la rezulton.

● En faŝista zono oni loĝas kiel en paradizo, sed estas stultuloj kiuj ne bone taksas tian feliĉon.

La tiel nomata «ministro pri eksteraj aferoj» de la faŝista «registaro» demisiis sian postenon k subite fuĝis eksterlanden. La oftan fuĝadon de gravuloj ni vere ne komprenas...

● Laŭ sciigas kelkaj forkurintoj, en Aragona fronto alvenis alia speco de maŭroj. Ili venis el afrika hispana



La faŝista barbulo, generalo Kabanellas, tirano de Zaragozo k senhonora maljunulaĉo, kiu faris solenan promeson, antaŭ popolaj organizoj, defendi ĝismorte la Respublikon, k tuj post tio, li gvidis la ribelon en Aragono k ordonis la murdojn kontraŭ ĉiuj konsciaj proletoj

kolonio Rio de Oro; preskaŭ ĉiuj el ili estas tre junaj. Eĉ knaboj 16-jaraj estas inter ili.

● Fanfarone la faŝistoj antaŭfiksas datojn por efektivigo de anoncitaj sukcesoj, sed ili fiaskas senĉese.

Post kelkaj datoj fiksitaj, generalo Franko difinis definitive la 15. Majo por la konkero de Bilbao. Generalo Mola ricevis specialan ordonon tiu cele. Sed... ili fiaskis denove obstine...

● La kapitano Walter Kainsle k leŭtenanto Blam Schurtle, estas germanaj aviadistoj kaptitaj en norda fronto.

Ili plenlibere deklaris pri sia milita agado, cinike priskribis la bombardadojn en kiuj ili partoprenis, k diris ke ili venis tute «volonte» ĉar ili apartenas al germana armeo.

La popola tribunalo mortkondamnis ilin. La faŝistoj publike minacis, ke se oni ekzekutas ilin, la «naciista» aviadilaro sin venĝos per nova k terura bombardado. Vere oni ne povas ofendi la altan nivelon de civilizo de germanaj «superuloj».

● Laŭ deklaro de angla leŭtenanta kolonelo Bastle, en Gibraltaro amasiĝis iam, naŭ mil rifuĝintoj el faŝista zono. Pro epidemia danĝero, anglaj aŭtoritatoj transportis ilin ĉefe al nia provizora ĉefurbo.

● Al ni alvenas sciigoj pri malsamaj projektoj. Sciigo el angla deveno diras, ke la itala diktatoro intencas fini sian intervenon en nia lando k italaj trupoj baldaŭ revenos hejmen. Alia sciigo, el itala deveno, diras ke Mussolini preparas sendon de 20.000 novaj «volontuloj».

Vere ni dubas transdoni al niaj karaj legantoj tiujn sciigojn. Finfine ni konsilas akcepti neniun el ili, ĉar certe ambaŭ sciigoj apartenas al itala diplomata blufo.

● La sencela k krima ĉiutaga pafado al Madrido, detruas iom post iom la urbon k ĝiajn artaĵojn.

Kvar obusoj falis la 22. Majo en la urbodomon k detruis la faman mirindaĵon «Kristala Korto».

Kompreneble, artaĵoj ne estas necesaj por nova faŝista kulturo.

● Tra ĉiuj frontoj venas al nia zono, ĉiutage, forkurintoj en malgrandaj grupoj aŭ izolitaj. Sed kelkafoje okazas eksterordinara alveno; ni priskribis jam, ke en suda fronto venis kompleta roto el regimento.

Ĵus, la 8. Majo okazis io nova. En aragona fronto, apud rivero Ebro, venis unue du soldatoj, kiuj petis ke niaj trupoj protektu alvenon de grupo bezonanta tiun helpon ĉar ili devas trapasi danĝeran zonon.

Fidante al ili, niaj trupoj okupis poziciojn taŭgajn por protekti la vojon irotan. Post malmultaj horoj, venis al ni sep dek soldatoj kun armiloj k municio. Ili batalas jam en niaj tranĉeoj!

● Nia Registaro oficiale k solene anoncis: «Oni nur ordonos ĉesi la lukton kiam estos venkita la lasta malamiko». Per tiu deklaro ĝi respondas al «bonintencaj» onidiroj.

**Esperanto nun, krom lingvo, estas viva animo kaj nervo internacia**

# Nova strukturo de la Registaro

Sub la signo de Popola Fronto, ĵus refandiĝis la Registaro. Laŭ ŝajno, ĝi povas aperi kiel malpli kompakta ol la antaŭa ĉar la sindikataj organizoj ne estas nun rekte reprezentataj.

Tamen, ĝi estas tre fortika politika organo de la proleta k mezklasana opinio, kiu fervore k obstine deziras lertan gvidon por atingi frue la venkon. La hispana Registaro, kun sia nova pli simpla strukturo, ricevas la sukon de ĉiuj antifaŝistaj teorioj, kio estas ja bona garantio por nia grava celo.

La Popola Fronto, specimeno de ĉiuj nuancoj, montras, al la amikoj internaciaj de nia epopeo, taŭgan instrumenton por akceli la triumfon per saĝa uzado de la ekonomio k industrio, forigante la provokemon de embuskitaj malamikoj, per rigora puno, kun la aŭtoritato de tutpopola subteno.

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro | 42 | ptoj. |
| A. Z.—Stockholm | 5 | svkr. |
| E. J.—Stockholm | 2 | » |
| A. D.—Benicasim | 25 | ptoj. |
| M. L.—Barcelona | 5 | » |
| F. G.—Sueca | 3 | » |
| R. P.—Castellón | 10 | » |
| J. O.—Figueras | 10 | » |
| Fajrero.—Nimes | 27 | ffr. |
| H. D.—Tallinn | 100 | » |
| J. J.—Brno | 20 | » |
| Grupo Zamenhof.—Genéve | 50 | » |
| Lab. Esp. Klubo.—Boras | 37 | svkr. |
| G. M. B.—Kiruna | 50 | » |
| L. A. W. E.—Angh | 25 | ffr. |
| Denver Esperanto School.—Denver | 5 | dol. |
| J. R.—Wandre | 14 | ffr. |
| Theuriot.—Orleans | 15 | » |
| P. H. R.—Karlstad | 5 | svkr. |
| K. N.—Trallebors | 5 | » |
| G. J.—Jonkoping | 25 | » |
| W. M.—Loveno | 10 | bfr. |
| Lab. Esp. Sekcio de D. L. E. A.—Aarhus | 44 | ffr. |
| A. M.—Visby | 60 | » |
| L. E.—Sydney | 108 | » |
| C. P.—Vaulx en Velin | 10 | » |
| F. E. T. Groupe de Sète | 20 | » |
| O. Hj. O.—Stockholm | 13 | svkr. |
| Esp. Klubo en Jonkoping | 15 | » |
| R. P. k aliaj.—Rotterdam | 3'75 | gd. |
| F. L. E. Sekcio 2.-Rotterdam | 4 | » |
| H. v. D.—Utrecht | 0'60 | » |
| A. J. B.—Delft | 1'50 | » |
| G. K. v. d. O.—Imuiden | 2'50 | » |
| H. A. B.—Bussum | 1 | » |
| A. H.—Arnhem | 0'25 | » |
| F. L. E.—Arnhema Sekcio | 1 | » |
| F. L. E. Sekcio 5.-Rotterdam | 2'30 | » |
| G. M.—Amsterdam | 1 | » |
| W. v. M.—Amsterdam | 0'20 | » |
| A. B.—Amsterdam | 0'20 | » |
| H. ten H.—Amsterdam | 1 | » |
| Gek-doj de Lange.—Amsterdam | 2 | » |
| J. K.—Amsterdam | 2 | » |
| B. F. B.—Delft | 0'50 | » |
| H. R.—Delft | 0'50 | » |
| H. R.—Talun | 1'85 | » |
| F. L. E.—Nordholanda Distrikto.—Amsterdam | 7'22 | » |
| W. K.—Dordrecht | 0'53 | gd. |
| A. de B.—Westgraftdijk | 1 | » |
| Hoek.—Westgraftdijk | 1 | » |
| T. D. Westgraftdijk | 1 | » |
| N. K.—Westgraftdijk | 0'30 | » |
| G. J. W.—Hago | 1 | » |
| F. L. E.—Sekcio Leiden «Fajrero» | 4 | » |
| B. v. Gent | 1 | » |
| K. K.—Groningen | 1 | » |
| F. L. E.—Sekcio Zaandam | 8'05 | » |
| H. v. D.—Utrecht | 1 | » |
| F. L. E.—Sekcio Utrecht 1 | 2'50 | » |
| F. L. E.—Sekcio Kerkrade | 5'57 | » |
| C. R. G.—Oude | 1 | » |
| F. L. E.—Sekcio 2.—Rotterdam (tria monsendo) | 2 | » |
| D. Finlay.—Londono | 50 | ptoj. |

## AVIZO

Ĉiuj esperantistoj de la Internacia Brigado devas tuj starigi rilaton kun jena k-do, kiu zorgas pri tiaspeca afero:

**K-do J. DISKO**
S. R. I., 1 T.—Plaza Altozano
ALBACETE (Hispanio)

## LASTA HORO

Novaj fazoj komencas aperi en la milito: kruela bombardado sur la ariergardaj urboj. En Valencio mem jam oni ne povas dormi trankvile dum nokto; proksime de nia redakcio falis bombegoj kun grandaj damaĝoj. En la baska fronto la malamiko premas furioze sed ankaŭ tie ĝi komencas perdi kornojn k dentojn. En aliaj sektoroj la situacio ne ŝanĝiĝis. La ŝtata gvidado de la milito estas nun tre glata, kio estas aŭguro por decidaj epizodoj. Kvin germanaj kirasŝipoj, unuan fojon, tute publike, bombardis la urbon Almerio; ne estas necesa la komento por konata vero...

## LASTHORA SAĜETO

Post longa cerbumado, la gravaj viroj, kiuj konsistigas la Konsilantaron de la Ligo de Nacioj, decidis:

«Konstatigi, rimarkigi, noti, esprimi, inviti, deziri, emociiĝi k havi intereson...»

Benata estu la memoro de l'naiva Wilson!

## POPOLFRONTA LETERUJO

PEK-filio.—Turksib, Alma-Ata.—Dankon pro viaj libroj k bonaj deziroj.

L. E.—Sydney.—Dankon pro la monsendo. Viaj amikoj nun certe konvinkiĝos, ke ĉio, tre bone, trafas nin.

G. B.—Bs. Laŭ via deziro ni sendos la gazeton rekte al vi. Ni gratulas pro via aktiveco. Viajn amikojn en Santander ni ne konas. Dankon pro la monsendoj.

Agrara Instituto Studentara.—Orĝonikidze.—Dankon pro viaj senditaj libroj.

O. R.—Oslo.—Via pridemandita kamarado. R. K. estas administranto k kunredaktoro de P. F. Do, li ankoraŭ vivas k dankas pro via montrita intereso.

K. H.—Kalundborg.—Dankon pro la gazeto. La adreso de «Ĉinio Hurlas» estas la jena: Mr. A. Griven, n.° 14, Lane 169, Carter Rd. Shanghai, Ĉinio.

C. R. B. k SEU komitato.—Orĝonikidze.—Dankon pro la libroj k gratulon pro la organizita «Ĉambro de Hispanio». Ni sendos al vi la deziratan materialon.

K. B.—Albacete.—Via letero, via artikolo k via monsendo, ĉio trafis nin siatempe k ni dankas. La monon ni jam kvitancis. La artikolo aperos.

Ch. H. Laurbjerg k al multaj aliaj.—La unuaj n-oj de P. F. estas tute elĉerpitaj.

P. S.—Leningrad.—Nia granda laboro ne permesas al ni akcepti korespondantojn. Ni sendos al vi la propagandan materialon kun danko por via intereso.

J. D.—Albacete.—Via letero k via artikolo alvenis. La mono ne; la petitajn informojn ni havigos perletere.

F. L. E. Sekcio 2.—Rotterdam.—Dankon pro via monsendo. La antaŭaj ankaŭ trafis nin siatempe.

F. L. W.—Los Angeles.—Al viaj indikitaj adresoj ni certe sendos la gazeton. Mono ricevita. Dankon!

R. B. Essendon.—Viajn petitajn informojn, pro kompreneblaj motivoj, ni ne povas havigi. La afranko al via lando ne estas multekosta; tial ni preferas sendi la gazeton rekte al la petintoj. Tamen, ni dankas pro via helpemo k promesas sendi al vi ĉiam pakaĵeton kun kelkaj ekz-oj, kiujn vi povos libere disdoni.

G. M. B.—Kiruna.—Ni kore dankas viajn kuraĝigajn frazojn k salutojn. Vere ni ĝojas, ke vi atingis, kun helpo de nia gazeto, konvinki la tieajn neŭtralajn esp-istojn. La sinceraj k veraj esp-istoj neniel povas simpatii al la faŝistoj.

Esp. Rondeto.—Tbilisi.—Dankon pro via salutletero. Kiel jam dirite, ni ne havas adresojn de korespondemuloj.

Esp. Sekcio.—Raasiku.—Ni ne ricevis la monon. Bv. enketi ja pri tio ĉe la persono al kiu vi forsendis ĝin. La ekz-ojn ni certe sendos.

J. V.—Praha.—Estas ricevita la mono k la libroj. Jes, se vi sendos pliajn ni certe akceptos volonte k danke.

Al ĉiuj—Kiu k-do estos tiel ĝentila havigi al ni, se eblas, la n-ojn 2 k 8, kiuj tute mankas eĉ por niaj redakciaj kolektoj?

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia